# LA JESILO

La Oficiala Novaĵ-letero de la Junularo Esperantista de la San-franciska Areo
Majo 1986 Volumo 2, Numero 5

## Vero kaj Interkomuniko

Estas neniu dubo, ke post la katastrofo ĉe la Ĉernobl nuklea elektrocentralo multaj homoj ĉirkaŭ la mondo volas scii kiel malbona vere estis la akcidento. La plejmulto de la mondo ne certas pri io ajn, kaj multaj okcidentanoj riproĉas la sovet-union pro ilia kaŝemo. En tiaj cirkonstancoj estas malfacile defendi la sovet-union kaj ilian malferman sistemon da informo. Sed estas interese konsideri la agojn de la usona ĵurnalaro. Kiel ni nun trovas, la usona ĵurnalaro ŝajnigis la aferon pli katastrofa ol tiu vere estis. Ŝajnas, do, ke la usona hiperbolo tiom respondecas pri la duonpaniko pro la akcidento kiom la soveta kaŝemo. Rezulte, ni demandas nin, "Kio estas la vero, kie estas la vero?"

Bedaŭrinde, tiaj demandoj ne havas simplajn respondojn. Vero malofte ekzistas en pura formo. Multaj aferoj afektas la veron: ne estas nur la vero, sed ankaŭ la percepto, raporto, kompreno, interpreto, partigo, kaj manipulo de la vero. Do, kiam ni audas 'la veron', ni ne simple povas akcepti tiun, sed ni devas ankaŭ konsideri la fonton de la informo, kaj ties cirkonstancoj kaj motivoj. Iu ajn miskompreno de la fonto povas konduki al misinterpreto de ties vortoj.

Ĉio ĉi ŝajnas nefarebla tasko. Ĉu ni povas ĉiam gvati kontraŭ la vortoj de aliuj, serĉante la veron? Neniu povus ĉiam dedukti la veron de la inundo da ĉiutaga informo. Tamen, estas ilo per kiu ni povas konstati la veron. Esperanto, kiel unu el la plej bonaj internaciaj interkomunikiloj, povas helpi nin ne nur pli bone kompreni la vortojn de la fonto, sed ankaŭ kompreni la fonton mem. Tiu estas tre valora donaco, kiun Esperanto donas al siaj parolantoj, nome akravidecon en la kulturojn kaj la pensojn de aliuj. Ĉi tiajn tempojn la mondo des pli bezonas tiun.

John Hench, Redaktoro

## Ĉu vere ekzistas la vorto <u>pikniko</u>?

Jes, laŭ tre fidinda fonto vere ekzistas la vorto pikniko. Sed eĉ pli grava - estos pikniko! La dato de tiu pikniko estos sabaton, la 10an de Majo. Kelkaj el vi vidante tiun daton diras, "Ho! Jam estos ekskurso tiun daton! Kio okazas?" Do, la kabano por la ekskurso ne haveblas tiun semajnfinon, do anstataŭaĵo bezoniĝis. Kaj jen, pikniko. "Kie okazos la pikniko?", vi demandas. Do, la pikniko okazos ĉe la maro, kaj multe da distraĵo haveblas. Tio, kio mankas estas konkretaj planoj. Do, se vi volas doni vian voĉon al la planoj, venu al la JESA kunveno. Tiu kunvenos sabaton, la 3an de majo, ĉe la san-franciska ĉefa biblioteka je la kvara. Ni vidos vin tie.

## Programo

| | |
|---|---|
| I | Prezento de la Partoprenantoj |
| II | Raporto pri la Elsendo da Informo al la Estraranoj de ELNA kaj la regionaj Kluboj de Usono |
| III | Piknikaj Planoj |
| IV | Novaĵo pri la Artikolo al Japanio |
| V | Alio ajn |
| VI | Kunmanĝo ie |

## Vortoj de la Unua Esperantisto

La afero "Esperanto", nia etika movado, konsistas ne en rapideco, sed en certeco. Multe da sencelaj aferoj ekbrilas antaŭ la mondo rapide, sed ankaŭ rapide falis. Afero bona kaj certa progresas ordinare malrapide kaj nur kun grandaj malhelpoj. Ne malĝoju tial, Esperantistoj! Ni laboru kaj esperu!!

Nia Konstanta Adreso:

JESA
c/o La Esperanto-domo
1370 9th Avenue
San Francisco, CA 94122